# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 22/12/2016 Tricentunua eldono (unua eldono 20/09/2011)**



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



SENDATA AL 305. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **648,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)




AE deziras
al la Esperantistoj
Feliĉan Kistnaskon
Vi helpas solvi grandan
malhelpon en nia hodiaŭa mondo
Tio estas la lingvaj
miskomprenoj inter la homaro

Roger Springer

La Esperanto
en la filmo
Kapitana Fantastulo
Estas aŭdata per
multmilionoj da homoj

Bona sciigo ke nia
lingvo ekzistas

Bona donaco al
Esperantujo

https://youtu.be/oqQ-tHVb49w?t=10

# KIAL DUM OKDEK JAROJ ONI NE POVIS TROVI LA VERBAN PASIVAN VOĈON ?



**Paĝo 2.** **(Paĝo 1 vidu AE300)**

Kiel do krei , en la kadro de la Fundamento, anstataŭaĵon por la duvorta Zamenhof'a Pasiva Voĉo adjektiva?

Aŭ pli bone: kiel krei veran Pasivan Voĉon verban kaj lasi la Zamenhof'an sistemon de Pasivaj Participoj adjektivaj tia kia ĝi estas sed nur por esprimi situaciojn de substantivoj kaj ne por esprimi agojn kiel verbojn?

Ja estas necesa, ke unu ago, ĉu aktiva aŭ pasiva aŭ mediala aŭ faktitiva, esprimatu per unu vorto, per unu verbo kun verba finaĵo, kaj kun specifaj sufiksoj por diferencigi inter la kvar gramatikaj voĉoj. Dum la historio de Esperanto la Esperantologoj, komprenante tion, penis trovi solvon, plej ofte per sufikso, ante tiun problemon ke en la Z.hofa Esperanto ne ekzistas unuvorta verba Pasiva Voĉo, nur adjektivoj indikantaj staton de ago, ne la agon mem, ne la Verban Pasivan Voĉon.

Do ili kreis novajn sufiksojn por la Pasiva Voĉo, kiu ne havis tian ĉe Z'hof. Sed bonŝance, kaj saĝe, la Esperantistoj ne akceptis tiujn neologismojn ĉar ili saĝe timas ŝanĝi la F'menton. Do kion fari? Aliaj penis uzi la ekzistantajn pasivajn sufiksojn participajn. Do oni proponis la tri pasivajn "-it-" kaj "-at-" kaj "-ot-". Sed tiuj ne taŭgas, ĉar KAJ "batitas" KAJ "batatas" KAJ "batotas" havas po du tempojn por la unu ago. Kaj ĉu "batatos" aŭ "batotas"? Ĉu "batitas" aŭ "batatis"? Ja "batitas" ne okazas nun, pro "-it-", kaj ĉar "-at-" signifas nur parton de ago, nek pasinte, pro "-as". Kaj "batatis" ne okazis pasinte, pro "-at-", nek nun, pro "-is". La sama mikspoto okazas ĉe "batotas" kaj "batatos". Kaj ankaŭ ĉe "batotos" kaj "batitis", kie la ago okazas dufoje. Kaj ĉe "batatas", kie la ago plenumiĝas kaj samtempe ne plenumiĝas. Ne mirindas, ke Kalocsay senespere deklaris, ke la participa sistemo adjektiva estas perfekta en Esperanto sed ke tiu sama sistemo Z'hofa por la Pasiva Voĉo estas nesolvebla mikspoto por la Verba Pasiva Voĉo.

Do ĝis la jaro 1983 oni havis kverelegojn pri la signifoj de la Z'hofa Pasiva Voĉo kaj ne trovis solvon, ĝis fine mi malkovris la Regulon pri Signiforeduktado, kiu permesis al mi deklari, ke la sufikso "-at-", kaj nur tiu sufikso "-at-", perdas siajn signiferojn de nuno kaj de nefiniteco, kaj retenas nur sian signifon de pasiveco, SED NUR KIAM ĜI ESTAS UZATA KIEL VERBO, do kun verba finaĵo. Sekve tiu malkovro kaj uzo de la Regulo pri Signiforeduktado donis al mi la okazon formuli la verban Pasivan Voĉon, do batatas, batatis, batatos, batatus, batatu, kaj batati. Ripete: NUR la netempa sufikso "-at-" kaj NUR kiam uzata kiel verbo.

Sekve la participoj "-ita" kaj "-ota" retenas siajn du signiferojn de ĵuspasinteco plus pasivo kaj de baldaŭokazonteco plus pasivo, eĉ se ili uzatus kiel verboj, do ekz. "Kvar lingvoj nun lernitas de ŝi" = pasinto plus pasivo. Notu ke "lernatis" ĉi tie signifus "Estis iam en la estinteco finlernataj". *Marcel Leereveld*.

# La Princino Bienistino



Karaj,



Jen plia rakonto en Esperanto de BookBox.

https://www.youtube.com/watch?v=4Ld_yywpaoA

Amike, Nicole Else

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Ĉe la morto de Fidel Castro.



Oni ofte forgesas, ke en niaj demokrataj landoj ankaŭ ekzistas diktatoroj, AŬ en la formo de persono aŭ personoj, AŬ en la formo de kompanioj, kiuj lastaj ja havas en multaj landoj la statuson de leĝa persono. Tiuj diktaturoj havas la potencon kaj la financojn por per la helpo de leĝistoj kaj psiĥologoj polucii la menson de la resto de la socio (brainwashing). La diferenco ofte estas granda, speciale ĉe diktatoroj kiaj Stalin kaj Hitler kaj Franco. Sed eĉ ĉi lastaj faris kelkajn utilajn decidojn por la socio, aŭ por la multnombra sklavaro. Ke ankaŭ demokrataj diktatorecoj povas fari terurajn malbonojn, ni rigardu kiel la aŭstralia registaro mense kaj korpe ruinigas parton de niaj enmigrantoj. Kaj tamen tiu registaro faras ankaŭ bonajn aŭ utilajn agojn.

Ankaŭ se ni juĝas la diktatorecon de Fidel Castro, ni devas mencii la utilajn agojn kaj la kruelajn agojn. La kruelaj agoj direktiĝis al tiuj kubaanoj kiuj penis fari maljustecon al la granda plejmulto de la kubaanaro, la ordinara popolo. Alia kruelaĵo estis la milito kontraŭ la armeo de la antaŭa multe pli kruela diktatoro, Battista. Ĉiu milito estas kruela, eĉ se ĝi alportas al ni pli da justeco kaj da libero kaj da vivbono. Malfacilas por ni juĝi, ĉu liberiga milito ofte tre suferiga estas akceptinda aŭ ne. Ĉu ni ĝojas ke Stalin liberigis nin militante kontraŭ Hitler? Ĉu ni aplaŭdu Castro'n por sukcese ataki la antaŭan tre malbonan diktatoron? Nu, dum sia tuta vivo Castro diktatore donis pli bonan vivon al la granda amaso de kubaanoj, kaj kruelis nur kontraŭ tiuj kiuj laŭ lia scio penis kontraŭi tion.

Por fini, jen kelkaj el la bonfaroj de Fidel Castro. Li detruis la kapitalismon en Kubao. Preskaŭ ne ekzistas drogoj, kaj tute ne armiloj nek krimuloj. La tuta popolo ricevas sanzorgon kaj instruadon kaj manĝaĵojn. Ŝtelado ne ekzistas, nek perfortado nek terorismo. Mi do opinias, ke la kubaanoj vivas pli bone ol almenaŭ la senlaboruloj kaj la indiĝenoj kaj la senhejmuloj en Aŭstralio. Kaj certe pli bone ol se ili devas vivi sub la diktatoreco de la grandaj komercaj kompanioj kapitalismaj. Kvankam la castro-ismo neniel enhavas tutan liberecon kia en marksisma senpartia komunismo aŭ kia en ankoraŭ utopia anarĥiismo.

Marcel Leereveld.

# Zamenhof-Tago / Esperanta Librotago 15-12-2016

La 15-a de decembro estas la naskiĝtago de L.L. Zamenhof (1859-1917), kreinto de Esperanto. Laŭ iniciato de unu el niaj signifaj verkistoj, Julio Baghy, ni festas tiam ankaŭ la Esperantan kulturon. Por la plialtigo de la spirita nivelo de la esperantistaro, Baghy proponis ke la Zamenhof-tago estu ankaŭ la tago de la Esperanta libro.

Dum kultura evento lokaj grupoj informu ne-esperantistojn pri la internacia lingvo, ties abunda literaturo originala kaj tradukita. Ni elmontru, kiel nia movado disvastigas kulturverkojn de diversaj etnoj, ebligante al alilingvanoj la ĝuadon de verkoj alipopolaj.

Tio estu nia Zamenhof-taga kontribuo al justa, egalrajteca komunikado, kiu respektas lingvan, kulturan diversecojn, strebe al daŭripova konservado de tiuj riĉecoj, rajtoj.

Krom okazigo de kunvenoj, eventoj, prelegoj pri Zamenhof, tiutage ni celebru la Esperanto-literaturon ankaŭ per aĉeto, legado de nova libro!

Vi trovos ĉe la suba ligilo la afiŝon de la Zamenhof-Tago / Esperanta Librotago en pluraj lingvoj, kiun vi povas kundividi kun viaj konatuloj en la sociaj retoj:

http://www.gazetaro.org/2016/librotago2016/ *sendis Katja Steele*

Danke, Emilio Cid, Estrarano de UEA pri informado



# La Manlia Esperanto-Klubo

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn 10atm.
Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso de senpaga kafo

# Ni celebris la 98an naskiĝtagon de Eunice Graham




La 17a de Decembro venis John Casey, Ian Wylles, Roger Springer Mei Springer, Eunice Graham , Chris Holliss.




Ni havis specialan naskiĝtagan kukon, subskribis naskiĝtagan karton, trinkis kafon aŭ teon, manĝis kukon kaj amike interbabilis.
La Manlia Esperanto-Klubo metis reklamon en la Manly Daily, la loka ĵurnalo, kiu presis 90,000 kopiojn kaj fordonis senpage al ĉiuj domoj kaj komercejoj en la nordaj strandaj regionoj.

La reklamo estis en la dekstra malsupra angulo de paĝo 4 17 Decembro 2016. La ĵurnalo havas 88 paĝojn. Ni ĉiuj kontentiĝis pri tiu pozicio kaj esperas ke ĝi havos bonan informan rezulton.
http://newslocal.newspaperdirect.com/epaper/viewer.aspx?cid=8710
Ctrl/klaku kaj vidu la ĵurnalon Vidu paĝo 4 *informis Roger Springer*

# La Brizbana Esperanto-Societo



Kelkaj membroj de " BES " festis Zamenhof-tagon en " Roma Parko ", Brizbano, dum sunbrila posttagmezo.
2 tagojn pli frue ni festis Zamenhof Tago en Toowoomba kun 'TES" membroj. Kongresvizitantoj esperեble vizitos nian faman parkon en januaro.



*Informis : **Peter Danze***






Kara Roger,
multan dankon pro via interesa kaj amuza gazeto. Mi ĉiam ŝatas legi ĝin.
Feliĉan Kristnaskon el Germania al Australia
Roswitha

**★★★★★Feliĉan Kristnaskiĝan Tagon★★★★★**

# Edukado.net jam de 15 jaroj en via servo




Antaŭ ses jaroj, en oktobro 2010, ni lanĉis la nunan paĝaron. Tiam la retejo estis rekonstruita el la subtendonacoj de niaj membroj. Redankon al ĉiuj! Antaŭ 6 jaroj ĝi estis la tria versio de la retejo, kaj tre moderna, (kion ni ne plu povas diri pri ĝi nun). Ni tamen bone sukcesas uzi ĝin kaj eĉ nuntempe eblas realigi en ĝi novajn programpartojn kaj servojn.

Tia novaĵo estas nia nova projekto EKPAROLU!, kiun ni oficiale lanĉas hodiaŭ. Ni atendas geonklojn kaj genevojn kaj esperas efike helpi al komencintoj en la praktikado de parolado. Ni atendas kontribuojn, ĉu en formo de konkreta laboro, ĉu en mona subteno. Antaŭdankon.



Ni havas ankaŭ alian surprizon. Tiu ĉi novaĵo atingis nin ĝuste hodiaŭ. Ni sukcesis kunlabori kun nederlanda entrepreno, kiu akceptis aperigi Esperanto-version de sia porinfana kurso por *apoj* kaj android-aplikaĵoj. La android-versio jam elŝuteblas, la iOS-versio aperos post kelkaj tagoj.



Ni nun havas entute: 4462 registritajn uzantojn el 131 landoj. Ne ĉiuj aktivas, sed tamen multaj uzas la instrumaterialojn, retejon, elŝutas ludas RISKO-n, registras kursojn kaj lernas en la KLERIGEJO.
Ĝis nun al pli ol 1850 personoj ni ebligis trapasi KER-ekzamenon kaj plurcentoj profitis el niaj kursoj kaj trejnadoj. Ni havas multajn kialojn por festi. Do, ni festu!

Dankon al ĉiuj, kiuj sendis salutkartojn, lasis gratulojn en la Gastlibro ,aŭ/kaj subtenis nian agadon ankaŭ finance. Ĉiujn niajn programojn kaj servojn ni devas konstrui kaj teni funkciantaj el la donacoj de niaj membroj. Tial gravas, ke kiel eble plej multaj el vi helpu en tio.




Se vi opinias nian laboron valora kaj subtenenda, bonvolu helpi per de tiu ĉi subtenpaĝon.

Antaŭdankon kaj jubileajn salutojn sendas al ĉiu membro:
Katalin Kováts, redaktoro

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



**3zzz** La elsendo de la 19a de decembro anoncas la proksiman kristnaskan feston , aŭdigante legendojn kaj kristnaskajn kantojn .
Ĝuu la aŭskultadon je la kutimaj adresoj

*Franciska Toubale*